# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 15/02/2018 Tricent- sesdekunua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,490,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,200,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015)

Ekstudis pli ol 294,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

## N.ro 15 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)



P.A.G. donas pli da Zamenhof’aj ekzemploj de la pasiva voĉo de netransitivaj verboj kiaj ekzemple “la irota vojo” kaj “la dormita dormo”. P.A.G. klarigas, ke oni povas trakti tiajn pasivajn esprimojn kiel reduktojn de netransitivaj verboj transitivigitaj per afiksigitaj prepozicioj. Do ke “la pluvataj kampoj” originas en “la pripluvataj kampoj”, kiun verbon “pripluvi” ni povas juĝi esti transitiva. Do esence temas pri redukto de transitiva vorto “pripluvi” al plimallongigita transitiva vorto “pluvi”. Tio do estas la teoria klarigo de praktika uzo pasiva de netransitiva verbo. P.A.G. avertas, ke oni ne povas uzi tiajn pasivajn verbformojn en la aktivo kiel transitivajn. Do ke el la Zamenhof’a “lumitaj fenestroj” oni ne povas konkludi, ke la verbo “lumi” estus transitiva. Por transitivigi la netransitivan verbon “lumi” oni devas aldoni afikson, kiel en “prilumi ion” aŭ “lumigi ion”, ĉar “la ĉielo estas luma” kaj do “la ĉielo lumas” netransitive.




*Marcel Leereveld.*





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.





Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 17a de Februaro estos la tria sabato. Ĉiuj estas bonvenaj. Venu. *Roger Springer*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 11an de Februaro sep homoj (inkluzike de unu komencanto) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj faris vortenigmon.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 18an de Februaro je 15:00-17:00

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 19an de Februaro je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1033 Instagram – 147

Facebook – 376 Telegram – 19

Twitter – 374

*Joanne Johns*



# Ĝ a r d e n u l o j.



## LA JUNA ZAMENHOF (daŭrigo).

Jam en la elementa lernejo la knabo Lazaro (poste nomata Ludoviko) eksperimentis pri internacia lingvo. Subkonscie li sekvis la diversajn kreaĵojn de antaŭaj utopiaj viziuloj, komencante revivigi la mortan lingvon Latino. Post tio li provis fari lingvon senrilatan al ekzistantaj, per matematika kreado de vortoj uzante ĉiujn eblajn kunmetojn de la literoj. Lia genio tiam jam montriĝis en tio, ke ĉe ĉiu nova ideo li testis ĝian utilecon profunde praktikante tiun lian provon. Ĉiufoje li konstatis mankojn kaj tial forlasis la projekton por trovi pli bonan solvon. Li do ne agis kiel liaj antaŭuloj, kiuj kutime daŭrigis obstine krei siajn projektojn sen havi la Zamenhof'an kuraĝon serĉi pli taŭgan specon de lingvo. Lia studado de la angla lingvo instruis al li ke la riĉaj konjugacioj kaj deklinacioj de la slavaj kaj pli maljunaj lingvoj tute ne estis bezonataj. Lia studo de la pola kaj germana montris al li, ke per ne malgranda grupo de afiksoj li povis draste malgrandigi la vortaron. Li konsciis ankaŭ ke multaj nacilingvaj vortaroj enhavas jam vortojn de pli-malpli internacia uzo. La franca kaj la germana instruis lin la utilon de la difina artikolo, mankanta en multaj lingvoj. Ankaŭ lia lernado de la hebrea donis al li fruktedonajn ideojn, precipe pri la



verbsistemo. Tiel ĉerpinte el multaj lingvoj li fine, en lia lernejferio en 1878, finis la malneton de sia amata projekto sub la nomo "Lingwe Uniwersala", gramatikon, vortareton, kelkajn tradukojn, kaj kelkajn poemojn. Sed ĉi tiu rezultaĵo de la laboro de la sesaklasa elementlernejano estis nur la unua projekto, kiun li poste ree kaj ree, per praktikado, parte ŝanĝis.

(daŭrigota) *M. L.*

## NI ĈIUJ VETLUDADU !

Se vi ŝatas veti, loteriumi, preĝi por ricevi favoron, kredi en signoj de bonŝanco kaj de malbonŝanco kaj en astrologio k.t.p. k.t.p. k.t.p., rigardu la jenon:

Ĉar en la ĉina kulturo la numero 8 donas bonŝancon, riĉa ĉina domkonstruisto aĉetis en Melburno konstruaĵon kontraŭ okdekok milionoj okcentokdekok-mil-okcentokdekok dolaroj, sendube atendante grandan profiton, kiel ĉe aliaj tiaj aĉetoj por posta vendo. Nun, tri duonjarojn poste, li devis aŭ volis vendi la konstruaĵon kun malprofito de $ 280,000.--. Se la homoj amu unu la alian, ni devas kompati lin, prefere publike. *M. L.*

## TEĤNIKA GRAMATIKAĴO.

La Esperantistoj elnaskiĝe parolantaj la anglan, aŭ aliajn eŭropajn lingvojn, ne ĝuste komprenas la uzon de la participoj en sia propra lingvo. Tio ne estas ilia kulpo, sed tio estas la kulpo de iliaj naciaj instruistoj kaj lingvistoj. Ĉar ili malbone komprenas la funkciojn de la participoj en siaj etnaj lingvoj, ili faras erarojn en la uzo de la Esperantaj participoj. Ili bone komprenas la Esperantan sistemon, sed la influo de la eŭropaj lingvoj sur Esperanton estas tiom forta, ke ili simple imitas en Esperanto la eŭropajn uzojn kaj la miskomprenojn pri la funkcioj de la participoj.

En kelkaj venontaj artikoloj mi penos tre simple klarigi la sistemon de la participoj en kelkaj eŭropaj lingvoj, por ke tiuj kiuj volas nefari participajn erarojn en Esperanto sciu kiel la Esperanta sistemo malsamas al tiuj de la eŭropaj lingvoj. Por la bonfarto de tiuj gesamideanoj kiuj deziras scii ĉion pri la problemo mi klarigos ĉion.

A

Unue pri la t.n. aktiva prezenca participo, ĉiam finiĝanta en Esperanto per "-anta", en la angla per *"-ing"*, en la germana per *"-end"*, kaj en la franca per *"-ant"*: *"The performing artist"*, kaj *"The artist was/is/will be performing"*. Kiel la lasta ekzemplo montras, ĉi tiu participo ne indikas tempon, eĉ ne la prezencon, kiun tempon indikas la ĉefa verbo. Ekzemple se mi diras *"The singing boy"*, neniu scias en kiu tempo okazis/as/os la kantado, pasinte, nun, aŭ estonte. "-Anta" indikas nur, ke iu ago okazas/is/os sed ankoraŭ ne finiĝis. Tial nomi tiun *–ing*-participon *"present participle"* estas malĝusta, kaj devas esti "*continuous participle*". Sed ĉar ĝi ĉiam okazas en la tempo de la ĉefa verbo, aŭ de la cirkonstancoj, multaj diras ke ĉe la tempo de la ĉefa verbo la tempo de la participo estas samtempa kaj prezenca. Pro la samaj tialoj ankaŭ en Esperanto ne ekzistas prezenca participo, nur "imperfekta participo". Sed malsame al multaj etnaj lingvoj, i.a. la angla, Esperanto havas krome "pasivan imperfektan participon",

nome "-ata". La angla lingvo malgracie uzas por tio la pasivan participon kun la imperfektparticipo de la helpverbo *"to be": "The dog was being beaten".* La aliaj etnaj lingvoj uzas neverbajn formojn. En Esperanto la nefinita ago en "Dum la hundo estis batata la posedanto intervenis kaj ĉesigis la batadon" estas malsama al la kompleta ago en la pasiva verbo "La opero prezentatis dum la posttagmezo".

(daŭrigota) *Marcel Leereveld.*

## NENIAMAŬDITAĴO PROPAGANDE UTILA.

Ni ne volas havi en Esperanto esceptojn al la gramatikaj reguloj. Unu escepto farita de Zamenhof, malgranda eraro lia do, estas, kontraŭ la regulo ke Esperanto ne havas infiksojn, ke la ordaj numeraloj ne faratas per sufikso sed per la adjektiva finaĵo "-a". Tio rezultigas, ke se orda numeralo uzatas kiel flankelemento en aglutina kunmetaĵo, ni devas uzi tiun finaĵan literon interne de la kunmetita vorto, tute kontraŭ la regulo ke interne de aglutina kunmetaĵo oni ne povas havi signifajn finaĵojn, kia "fiŝojnmanĝuloj". Jen ekzemplo: La kvarsemajna ferio kaj la kvarasemajna ferio" kaj "La duetaĝa luoprezo kaj la duaetaĝa luoprezo". Do ĉu diri al la kontraŭuloj de Esperanto ke ni havas tiun escepton, pro erareto? Ne, la litero a havas ĉi tie la funkcion de sufikso, kaj sufiksoj estas plenaj radikoj kaj aperas ie ajn en vortkunmeto. Cetere la ordaj numeraloj devus esti faritaj per speciala sufikso, ĉar "la kvara elsendo" signifas elsendon kiel ajnan parton de kvar elsendoj. *M. L*.

## K V I Z E T O :

Ĉi sube vi trovos kvindek frazojn en la angla lingvo. Ĉiu el tiuj frazoj havas la anglan verbon *"to get",* sed en ĉiu frazo la signifo de *"to get"* estas malsama ol en la kvardek-naŭ aliaj frazoj. Ekzistas do kvindek malsamaj signifoj de la angla verbo *"to get",* kaj do kvindek malsamaj tradukoj en Esperanton. Tiuj kvindek malsamaj tradukoj troviĝas en kolumno dekstre de la paĝo sed ne en la ĝusta loko de la korespndaj anglaj frazoj.

Metu la numeron de la angla frazo antaŭ la korespondan Esperantan verbon. Ĉiu frazo havas nur unu korespondan Esperantan verbon, kiu havas nur unu korespondan anglan tradukon.

Proksimsemajne mi publikigos la ĝustajn tradukojn, sed nur la Esperantan tradukon kun la numero de sia angla ekvivalento. Bonan ŝancon! *M. L.*

| | |
|---|---|
| 01. *We got there at five o'clock,* | akiri |
| 02. *and got plenty of time,* | akordi |
| 03. *to get good seats*. | alveni |
| 04. *In the restaurant we got a good meal,* | -ati |
| 05. *before we got too hungry*; | bonstati |
| 06. *they got us to eat quickly, though*. | ĉesi ĝeni |
| 07. *Our conversation got along well,* | ĉirkaŭiri |

| | |
|---|---|
| 08. *before we got away home.* | daŭrigi |
| 09. *Also the others got back in time.* | deiri |
| 10. *When we got down to the beach,* | devi |
| 11. *we got in a dozen mussels,* | eldoni |
| 12. *and got into the bus,* | eliri |
| 13. *which got off in time.* | ellitiĝi |
| 14. *We got on very well,* | eniri |
| 15. *until we got off our horses,* | enuigi |
| 16. *I shall get you off that duty.* | eskapi |
| 17. *She's getting on well after her fall.* | fabriki |
| 18. *Try to get on that camel.* | foriĝi |
| 19. *His business is getting on fine.* | foriri |
| 20. *You better get on with that job.* | havi |
| 21. *She got out the vegetables,* | havigi al si |
| 22. *and then got out the kitchen.* | igi |
| 23. *They now get out a second magazine.* | iĝi |
| 24. *We got over the obstacles,* | juĝi |
| 25. *and got over the owner,* | kapti |
| 26. *and got over the flue.* | kolekti |
| 27. *Instead of getting through the mountain,* | komenci |
| 28. *we got around it.* | kompreni |
| 29. *I got through all the work.* | komprenigi |
| 30. *We shall get up at six,* | kuniĝi |
| 31. *to get up breakfast,* | kunveni |
| 32. *before the sun gets up.* | leviĝi |
| 33. *They got two big fish from the river.* | liberigi |
| 34. *He gets me with his complaints,* | malsupren iri |
| 35. *when she got her second child.* | naski |
| 36. *I shall get myself a cup of tea.* | plenumi |
| 37. *They got by alright.* | povi aranĝi siajn aferojn |
| 38. *You better get down to work.* | prepari |
| 39. *Let us get together,* | pretigi |
| 40. *for I have got to redo it.* | progresi |
| 41. *Finally I got through to them.* | prosperi |
| 42. *They get out five cars a week.* | restatiĝi de |

43. *You are getting me wrong,* reveni
44. *so get off my back.* ricevi
45. *Don't interfere: I get by alright.* sukcesi.
46. *We are getting together before six.* suriĝi
47. *They got off lightly,* ŝatati de
48. *but I got off alright with her.* trairi
49. *Finally we got sent home.* trompi
50. *Did you get all that?* venki.

. *Marcel Leereveld.*






*Petro Danzer* BES Sekretario



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 11 Ree kokinoj ero unua



Iun belan tagon ni do, kun niaj du knabetoj kaj du katoj, forveturis norden al alia bieno, ĉi tiun fojon temis nur pri kokinbieno. La estro estis, kvankam riĉega, ordinara homo, kun kiu oni povis paroli normale, oni ne bezonis tradukiston. Li ne sentis sin malpli valora ol mi, do ne bezonis ŝajnigi sin io, kio li ne estis. Ankaŭ lia edzino estis normala, kiel estis ankaŭ lia bopatrino, kiu loĝis en malnova muelejo apud nia domo. Tiuj du sinjorinoj ne estis moŝtinoj, danke al Dio, sed la filo, la diablo lin prenu, estis eksterordinare aroganta, sed tiajn homojn oni bedaŭrinde trovas ankaŭ ekster Anglujo !

Ni loĝis en la origina muelista domo, ĝi fakte nomatis muelista domo 2. En n-ro 1 loĝis s-ro Baker, kiu ne sciis baki, sed li estis bona kokinisto, efektive tiom bona, ke li baldaŭ transloĝiĝis aliien, kie la loĝ- kaj laborkondiĉoj, kiel ankaŭ la salajro, estis multe pli bonaj !

Tiam venis hispana familio por labori kun ni. De ili mi sukcesis lerni kelkajn maldecaĵojn, ne nur vortojn, sed tutajn frazojn.

Ankaŭ tie estis multaj kokinoj. Ni ne havis virkokojn. Ni ne permesis tian konduton ! Kiam necesis, ni aĉetis kokidojn. Ni havis unu grandegan domon kun 10.000 kokinoj. Tiu sistemo estas malpli kruela ol la enkaĝa sistemo. Mi manĝigis ilin, trinkigis ilin, kolektis la ovojn, lavis ilin, t.e. la ovojn, ne la kokinojn, pakis ilin, kaj fosis kaj fosis en la pajlo.

Sed en alia domego, pli proksima al la moderna loĝejo de mia dunganto, loĝis pluraj miloj da kokinoj. Ili ĉiuj estis grandegaj, same iliaj ovoj. Ili ne loĝis en kaĝoj, sed sur metalaj latoj. Ilia fekaĵo trafalis la latojn sur la betonan plankon. Pro tio odoraĉis. Kokinoj devas vivi sian vivon en freŝa aero, ĉu vi ne konsentas ?

Kaj ili demetis ovojn. Tri fojojn ĉiutage mi kolektis iliajn ovojn. Mi eniris silente, mi ne kantis, nek fajfis. Miaj vestoj estis ne brilkoloraj. Iom post iom la kokinoj alkutimiĝis al mi. Sed estis ĉiam iu, ĉiam la sama, kiu neniel volis lasi min preni ŝian ovon. Ŝi etendis siajn flugilojn. Ŝi atendis ĝis miaj fingroj preskaŭ sin fermis ĉirkaŭ la ovon. Tiam ŝi antaŭen kuris, kaj saltis sur la ovon, kun tiom da pezo, ke ĝi rompiĝis. Tion ŝi faris ĉiun tagon. Mi povas nur bedaŭri, ke ni homoj, anstataŭ zorgi pri ŝi, igis ŝin tiom konfuzita !

Iun semajnfinon grandega porko eniris nian domon. Audrey ne sciis, kion ĝi volis, sed mi treege amuziĝis. Ĝi rondiris kelkajn fojojn ĉirkaŭ la tablo, kaj ĉar mi provis kapti kaj trankviligi ĝin, ĝi forkuris el la pordo en la kampon.

Tie ekstere venis tri viroj. Ili demandis min, ĉu mi vidis ilian porkon. Mi ne diris, ke ĝi jam estis en mia domo, ĉar sendube ili volis, ke mi retenu ĝin por ili. La leĝoj estas tiaj, ĉu ne ? Oni devas savi vivon, kiam necesas, oni punatas, se oni ne faras tion. Sed kio okazas se la mortigoto estas porko, kaj ne homo ? Jen demando, ĉu ne ? Ankaŭ porkoj estas teranoj !

Venis la tempo, kiam ni devis purigi la kokinodomegon. Saunderson, tio estis lia nomo, klarigis al mi, ke ĝi estas purigata ĉiun trian jaron. Mi diris, ke mi ne volas purigi ĝin. Li vokis tri virojn kun maŝinoj. Ili eniris kaj purigis la lokon. La odoraĉo estis mortiga. Ili eĉ, ĉu akcidente ? verŝfaligis iom el la fekaĵo sur la korton ekster la domego

*Daŭrigota* *Bob Felby*



# Esperanto-kulturo https://eo.wikipedia.org/wiki/Esperanto-kulturo *

Esperantistoj havas propran kulturon, nomate **Esperanto-kulturo** aŭ **Esperanta kulturo**, kiu estas deirpunkto al aliaj kulturoj (ĉi tiu estas esenca trajto por ĝi, pli ol por dominantaj naciaj lingvoj). Ĝenerale Esperanto-kulturo estas interkultura kaj disvolviĝas ĉefe en la kampoj de literaturo, teatro kaj muziko. La Esperanto-kulturo ampleksas krom simbolojn ankaŭ komunumajn morojn, eĉ diversajn ideologiojn[1], kiuj kreas kaj subtenas esperantistan identecon[2] por iuj (-> Esperanta Civito).



Sendis al AE *Lochlann Niddrie*





**3ZZZ** ... En la elsendo de la 12a de februaro eblas aŭskulti intervjuon pri teatro en Esperantujo de Sasa Pilipovic , ekscii kial la 21a de februaro estas la tago de la gepatraj lingvoj kaj havi informojn pri la movado en Afriko





informas la kunvokanto *Franciska Toubale*

